n-ro 24
1996-2
aŭgusto 1996

# Esperanto en Azio

*Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado*



**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Telefono: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

*enhavo*


- • komisionanoj de KAEM ....... 2
- • Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D <koncize> ....... 2
- 1 KAEM konstante studos, diskutos kaj aktivos ....... 3
- 2. Protokolo de la publika kunsido de "Azia agado" en Praga UK ....... 4
- 3 Okazis ....... 6
- 4 Diversaj raportoj ....... 8
- 5 Okazos ....... 14
- 6 Informoj ....... 15
- 7 Mi opinias ....... 16
- 8 Leteroj de legantoj ....... 16
- 9 Ricevitaj organoj ....... 19
- 10 Kontribuoj ....... 20
- • Parolas la redaktantoj: ....... 20

***Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili estis elektitaj en la 80-a UK en Tampereo por 3-jara periodo, de julio 1995 ĝis julio 1998.***

Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012. tel.: +82-2-612-1906. fakso: +82-2-616-1571

MA Young-tae/ MA-106, Dong-a Apt., Daechi-dong, Gangnam-gu, SEOUL 135-280. tel.: +82-2-553-6820

SYOZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-832-6682. fakso: +86-1-832-1808

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-832-6682. fakso: +86-1-832-1808

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D* (koncize)

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

- *A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*
- *A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*

- *Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*
- *Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

- *D-1: eldono de necesaj libroj*
- *D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj*

# 1. KAEM konstante studos, diskutos kaj aktivos

*TAKEUTI Yosikazu*

La 23-24an de decembro 1995 KAEM havis sian oficialan kunsidon en Ŝanhajo, Ĉinio kun la ĉeesto de la reprezentantoj el Ĉinio, Koreio kaj Japanio. Plej notinde en la diskuto estas, ke la ĉeestantoj interkonsentis akcepti la Projektojn proponitajn de d-ro So kiel la strategian bazon de estonta agado de la Komisiono. Tamen ni, la ĉeestantoj de la kunsido, opinias ke necesas en pozitiva sento fari la projektojn pli precizaj per la plua diskuto kaj praktikado, por ke la Projektoj estu ĉiam pli ĝuste aplikitaj al la bezonoj kaj postuloj de la nuna situacio de Azia Esperanto-movado. Ni komencis pristudi la aferon ĉiam efektive praktikante la projektojn en la movado kaj serioze konsiderante la opiniojn de vi, samideanoj de nia mondparto.

Rilate al la Projekto A-1 ni decidis amendi jene: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso, ĉar tiu lasta estas la plej granda renkontiĝo de esperantistaj civitanoj en Azio por samideane diskuti pri ĉio kion nia movado reale alfrontas ĉi tie.

Ni aŭdis ke Esperanto-organizaĵoj de iuj aziaj landoj estas pretaj gastigi instruistojn pri Esperanto senpage, kio do estas ĉefa temo de Projekto B kaj ni senprokraste kontaktos la koncernatojn.

Ĉijare ni aligis al UEA totale 72 samideanojn el aziaj landoj laŭ Projekto C. Ni esperas, ke ili konkrete montros sian esperantistan aktivadon en siaj loko kaj fako ĉiam lige al la samideanoj de la mondo, kiuj ilin subtenis.

Azia karavano laŭ Projekto Ĉ okazis ankaŭ en 1995. Samideanoj el Taĝikio kaj Srilanko sukcesis partopreni en la 27a Korea Kongreso de Esperanto, kaj tamen pro viza problemo neniu el ili povis veni al Japanio ĝustatempe, kiam okazis la 82a Japana Kongreso, malgraŭ ĉia respektinda klopodo de la koncernatoj; domaĝe estas ke nur post tiu grava evento japanoj renkontis la taĝikon kun elstara esperantisteco. Mi unuavice bedaŭras kaj hontas pri la ŝtona kapo de la japanaj burokratoj en fremdaj aferoj sed verŝajne al ni ankaŭ necesas studi kiamaniere solvi la problemojn estonte por ke la praktikado de la Projekto Ĉ neniam estu malpli signifa ol ni atendas.

Ni taksas la rolon de Projekto D kaj deziras utiligi ĝin ĉiam tenante en ni la ĝustan strategion pri la eduko kaj kulturo per kaj por Esperanto en aziaj landoj, en kies granda parto absolute mankas materialoj por edukado pri nia lingvo.

Ni ricevis leterojn de ne malmultaj samideanoj kun sinceraj deziroj kaj petoj al KAEM, el kiuj kelkaj hodiaŭ ankoraŭ restas ne responditaj ĉefe pro mia privata okupiteco. Mi tamen kun pardonpeto volas diri ke tio tute ne signifas mian sintenon indiferentan al la problemoj prezentitaj en la leteroj. KAEM konstante studos, diskutos kaj aktivos responde al vi.

Ni nun serioze diskutas kun la koncernatoj pri la ebleco inviti el la evoluantaj landoj

kelkajn aktivulojn al la Azia Kongreso de Esperanto kondiĉe ke la invititoj nepre prenu sur sin signifan rolon dum la kongresa sesio kaj alportu freŝan inspiron al la movado en sia lando. Ni esperas renkonti en la Kongreso multajn el vi, la samideanoj en nia mondparto, por ke la Kongreso estu riĉa grundo sur kiu ni kun samideana solidareco ŝvite kulturados por nia bela estonteco. (1996-02-26)

### *1.1 Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

Ĉi-somere, en la Praga UK aliĝis al UEA du landaj asocioj en Azio: Vjetnama Esperanto-Asocio (fondita en 1956) kaj Federacio Esperanto de Bharato (fondita en 1982). Do, nun entute 7 landaj asocioj en Azio estas aliĝintaj al UEA. La aliaj 5 estas Ĉina Esperanto-Ligo (fondinta en 1951, aliĝinta en 1980), Esperanto-Ligo en Israelo (fondita en 1910, aliĝinta en 1961), Japana Esperanto-Instituto (fondita en 1919, aliĝinta en 1956), Korea Esperanto-Asocio (fondita en 1920, aliĝinta en 1976) kaj Pakistana Esperanto-Asocio (fondita en 1978, aliĝinta en 1989).

### *1.2 Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

Jenaj 5 aziaj esperantistoj aliĝis al UEA laŭ la projekto.

4 el Ĉinio: KONG Lei, LIU Jie, SHANG Junyi, ZHANG Cuiron (kaj QI Hong kun la sama adreso)

1 el Uzbekio: Vladimir P. Masalkin

## *2. Protokolo de la publika kunsido de "Azia agado" en Praga UK*

Dato: la 22-an de julio 1996, kadre de la 81-a Universala Kongreso

Loko: Symoens en la Kongresejo

Ĉeestantoj: ĉ. 50

Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu, prezidanto de KAEM

Protokolis: SYÔZI Keiko

S-ro TAKEUTI Yosikazu raportis pri la aktivado de KAEM, post kio sekvis raportoj de la reprezentantoj el 8 landoj pri ilia movado.

S-ro Parvaz el Pakistano raportis, ke Pakistana Esperanto-Asocio fondiĝis en 1978 kaj aliĝis al UEA en 1989. Estas kvar provincoj en la lando, inter kiuj aktivas la movado en unu provinco, Punjab. Estas kursoj kaj kluboj en urboj, kaj okazas kunvenoj dufoje en

somero kaj vintro.

En Irano ne fondiĝis landa asocio sen registara permeso, kaj d-ro Saheb-Zamani fervore gvidas kurson en universitato. Pro religia kaj politika kialoj oni ne povas reklami Esperanton oficiale, kaj troviĝas malfacilaĵoj por la movado. Post la raporto de la reprezentantino, komentis alia iranano, ke lastatempe aktivas junulara movado, kiu organizas kursojn kaj kunsidas ĉiusemajne en kulturdomo aparte de la ĝisnuna aranĝo. Ili vere volas fondi Esperanto-Asocion, kaj por tio necesas unuigi la du movadojn, laŭ s-ro Azar-haushang, la dua raportanto.

S-ro Korĵenkov el Rusio prezentis projekton "Eŭropo-Azio '97", kiun organizas Urala Esperantista Societo kun la aŭspicio de Rusia Esperantista Unio k.a. Ĝi okazos en Jekaterinburg ekde la 9-a ĝis la 17-a de aŭgusto 1997.

En Koreio daŭre okazas periodaj kunsidoj: Korea Kongreso, Kunloĝadoj Somera kaj Vintra. Notindas, ke por la unua fojo okazis simpozio inter koreaj kaj japanaj esp-istoj, en kiu oni diskutis pri historiaj problemoj inter du landoj. Ili volas inviti la 2-an Azian Kongreson post tri jaroj, tamen tio ankoraŭ ne oficialiĝis. Raportis s-ino Choi Yun-huy (Hortensio).

S-ino TAN Xiuzhu el Ĉinio malkovris, ke unuafoje en la centjara historio de ĉina Esperanto-movado ili ekhavos landan bibliotekon, kaj komisiis kolektadon de materialoj al s-ro Liu Ling, iama ĝenerala sekretario de ĈEL. Kvankam ili alfrontas financan problemon por la movado en la nova ekonomia sistemo, aktivas eldonado kaj eldoniĝis kelkaj libroj, inter kiuj troviĝas "Verkoj de Ĵelezo" kaj "Paĉin kaj Esperanto" de du elstaraj ĉinoj. En Ĉinio ne mankas junuloj sed mankas kompetentaj junuloj, pro kio gravas eduki ilin pli altnivelen, emfazis s-ino Tan.

Vjetnamoj ŝanĝis la nomon de la organizo al Vjetnama Esperanto-Asocio en la lasta jaro, kaj la movado tie revigliĝis, kvankam daŭre restas financa problemo. Partoprenos en la Azia Kongreso pli ol 10 vjetnamoj. Raportis s-ro Hong, sekretario de VEA, la nova landa asocio de UEA.

En Taĝikio s-ino Kasymova daŭre gvidas kurson por infanoj kaj naskiĝis nova klaso en Duŝanbe, malgraŭ tio ke la lando estas en milita situacio. Esp-istoj intencas oficialigi sian organizon kaj pretas eldoni porkonversacian libron.

El Japanio SYÔZI Keiko raportis ĉefe pri la agado de JEI kaj la lokaj kongresoj sinsekve okazintaj en la lasta jaro. Aparte ŝi menciis la bedaŭratan sinjoron SAKAMOTO Syôzi, kiu malavare dediĉis sin al nia afero kaj postlasis riĉan rikolton al pli junaj generacioj.

Poste viglis opinioj kaj demadoj pri KAEM kaj la 1-a Azia Kongreso. Ŝajnas ke kun solvendaj problemoj okazis pli aktuala diskuto ol la lastjaraj kunsidoj, en kiuj sinsekvis raportoj de nur kelkaj aktivuloj.

# 3. Okazis

## 3.1 en Nepalo/La 5a Kongreso de Nepala Esperanto-Asocio

La kongreso okazis en la 25a de majo 1996 en la Lernejo de Internaciaj Lingvoj en Katmanduo. La kongreso estis dividita en du partojn. En la unua parto la vicprezidanto, s-ro Narendra Bhattarai, bonvenigis ĉiujn gastojn kaj kongresanojn. Inter la gastoj estis usona esperantisto s-ro Philip Pierce, nun laboranta en Nepalo. Li parolis pri la signifo de "esti gasto" por la Esperanto-movado en Nepalo. NEspA (Nepala Esperanto-Asocio) komencis honori unu maljunan kaj aktivan esperantiston en ĉiu kongreso. Antaŭe d-ro Keshav Ram Joshi estis honorita kaj ĉi-foje s-ro Shree Prasad Shrestha, iama lernanto de s-ro Simo Milojevic kaj antaŭa prezidanto de Katmandua Esperanto-Societo.

Jen estas nova estraro de NEspA:

- prezidanto: f-ino Maya Rai
- vicprezidanto: s-roj Narendra Bhattarai kaj Punya Acharya
- ĝenerala sekretario: f-ino Ganga Malla
- sekretario s-ro Nara Bahadur Bhujel
- kasisto: s-ro Posh Raj Subedi
- membroj: s-roj L. P. Agnihotri, C. N. Pokharel, Hare Ram Bista, Bala Ram Thapa, kaj f-ino Anupa Bhandari

"Montejo" estas la oficiala organo de NEspA. La nova ĉefredaktoro estas s-ro Mukunda Raj Pathik. S-ro Razen Manandhar kaj s-ro Philip Pierce restas kiel redaktoro kaj helpanto respektive. La kongreso decidis aranĝi la 2an Internacian Himalajan Renkontiĝon en februaro de 1998.

*raportis Mukunda Raj Pathik*

*Campus of International Languages, Exhibiton Road, Kathmandu, Nepalo*

## 3.2 en Bharato (Hindio)/La 6a nacia kongreso

La kvina nacia kongreso de Esperanto okazinta en Bangalore, suda Bharato en 1992 decidis, ke la sekvonta kongreso okazu en Pune, Maharaŝtra, kie funkcias la Helpo-Esperanto-Centro kaj Pune Esperanto-Centro. Tie d-ro Abdul Salam, profesia lingvisto, tamen forlasis la universitaton kaj okupiĝas plene pri socia servo, establinte Helpo-Fondaĵon. Li estas blindulo sed ege aktivas en socia servo. Li ankaŭ estas la prezidanto de la Federacio Esperanto de Bharato. Reveninte de la UK en Tampereo, li havis tre mallongan tempon por organizi la kongreson, sed pro sia kapabla movademo, li sukcese gastigis 50 kongresanojn el diversaj regionoj de la lando vastega en la 9a kaj 10a de septembro 1995.

La kongresoj kaj konferencoj havis tute apartan trajton en Hindio. Ĉiu kongresano ricevus senpagajn manĝaĵojn kaj loĝadojn kaj la kongreskotizo malgranda estas nur por lokaj kaj neantaŭvideblaj elspezoj. Do, la Helpo-Esperanto-Centro efektive elspezis amason da mono por gastigi 50 esperantistojn el aliaj regionoj. La du grandaj taĉmentoj el la regionoj Bengalio kaj Karnataka pliriĉigis la kongreson. La kongreso okazis en la Universitato de Pune en luksa kaj komforta kunvenejo.

Je la naŭa matene la inaŭgura sesio okazis tute en la angla, ĉar temas pri la ĝenerala publiko kaj invititoj el diversaj fakultatoj de la universitato. La rektoro de la universitato aplaŭdis la sukceson de la lingvo universala kaj promesis konkretan helpon flanke de la universitato. Li diris ke la universitato konsiderus komenci la mallongdaŭrajn kursojn de Esperanto kun la helpo de FEB. La kongreso analizis sian 13-jaran ekziston kaj movadon ĝisnunan kaj lanĉis tute novan programon por la jaro 2000. Dank' al la lernolibro "Let's Learn Esperanto" de Ranganayakulu, la nombro de esperantistoj multobliĝis kaj vasta publiko nun scias, kio estas Esperanto. La Bangalora Esperanto-Centro, kiun gvidas s-ro Sureŝ, kaj FEB en Kalkato aktive laboras en informa kaj instrua laboroj, tiel raportis la organizantoj en la kongreso. La kongreso elektis novan estraron por la venonta kvarjara periodo.

- prezidanto: Abdul Salam
- vicprezidanto: Sjamsundar Pal
- sekretario: P.V. Ranganayakulu
- kasisto: Urmila Bana
- estraranoj: Poorna kaj Sobana Patronobis, A.K. Nandy, Sureŝ, J.N. Ŝarma, Aniruddha Banhatti, Mohan Visvanathan kaj Jagannath Nair

La decidoj de la kongreso:

- Establi Esperanto-oficejon kun portempa laboranto kaj unu volontulo, en Pune.
- Reeldonu la dumonatan organon "Fenestro" dulingve (angle kaj Esperante).
- Kuraĝigu esperantistojn en Hindio membriĝi en FEB.
- Plirapidigi la proceduron aligi la landan asocion al UEA.
- Atingi la plejpartan pinton en la movado ĉ. la jaro 2000 en membraro, eldonado kaj aliaj.

*P.V. Ranganayakulu*

*P.O. Box 12, TIRUPATI North. Andhra Pradesh 517 507, Bharato (Hindio)*

te.: +91-8574-24342. fakso:+91-8574-25211

## *3.3 en Vjetnamio*

### *3.3.1 Zamenhof-Festo en Hanojo*

En la 15a de decembro 1995 en Hanojo okazis tradicia renkontiĝo de vjetnamaj

esperantistoj. Oni festis la naskiĝotagon de Zamenhof kaj ankaŭ 39an datrevenon de la fondiĝo de VEA (antaŭe VPEA).

### 3.3.2 en Ho Chi Minh-Urbo

En la 17a de decembro 1995 en Ho Chi Minh-Urbo okazis kunveno en kiu ĉeestis ĉ. 40 geesperantistoj kaj amikoj de la movado. Oni ekspoziciis librojn kaj revuojn de Esperanto kaj rigardis vidbendojn de "Mazi en Gondolando" kaj "Yumeiho".

## 3.4 en Ĉinio

### 3.4.1 Ĉina Esperanto-Ligo festis 45an jariĝon

En la 21a de marto, pli ol 60 esperantistoj festis la 45an jariĝon de ĈEL en Pekino. Inter ili troviĝis Chai Zemin, prezidanto de "Amikoj de Esperanto", Chen Yuan, honora prezidanto de ĈEL, kaj Chen Haosu, vicprezidanto de la Ĉina Popola Asocio por Amikeco kun Aliaj Landoj. Tan Xiuzhu, prezidanto de ĈEL, faris retrorigardon al la malebena vojo irita dum la 45 jaroj kaj prezentis brilan perspektivon de ĉina Esperanto-movado: Kvankam ĝi spertis plurajn repuŝojn, eĉ strangoliĝon en la "Kultura Revolucio", tamen ĝi marŝis kaj marŝas antaŭen brave kaj obstine, kun sukcesoj. En la kunsido kelkaj samideanoj donis vortojn kaj esperis, ke ĈEL festos sian 50-jaran datrevenon per okazigo de IJK kaj alia UK en Ĉinio en la postaj 5 jaroj. (raportis Shi Xie)

*Ĉina Esperanato-Ligo/ P.O. Kesto 825, CN-100037 Beijing, Ĉinio*

### 3.4.2 Junulara Volontula Serva Tago en Fushun

La 9an de marto okazis Junulara Volontula Serva Tago en la Unua Petrol-Rafinejo en la urbo Fushun. WU Guojiang invitite partoprenis en la servo. Li respondis demandojn faritajn de pli ol 60 personoj el universitatoj, mez- kaj element-lernejoj, entreprenoj kaj fabrikoj. Por fortikigi kaj perfektigi bazajn konstruojn de la organizo, Liaoning-Provinca Esperanto-Asocio jam decidis eldoni liston de esperantistoj en Liaoning.

*WU Guojiang*

*Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, Fushun, Liaoning, CN-113008 Ĉinio. tel. de oficejo: +86-413-2331153. fakso de la oficejo: +86-413-2332207*

# 4. Diversaj raportoj

## 4.1 en Irano

### 4.1.1 IREJO (Irana Esperantista Junulara Organizo)

IREJO unuafoje organizis en 1995 "Ago-Tago"-n en Irano kaj planas fari same ankaŭ en 1996. Ĝi preparis ankaŭ la unuan korespondan Esperanto-kurson al interesatoj kaj propran lernolibron por siaj kursoj. En Báhmán oni reklamis Esperanto-kurson per televid-kanaloj kaj ĵurnaloj kaj pli ol 30 gelernantoj partoprenis en la kurso.

(el IREJO-bulteno, n-ro 14)

*adr.: P.O. Kesto 17765-184, Tehrano, Irano*

*tel.: +98-21-4506503; fakso: +98-21-363232; E-poŝto: karimi @eco. atu.ac.ir*

### 4.1.2 Ĵurnalo "HAMŜAHRI" pozitive prezentis Esperanton

En plenkolora, plej populara, ĉiutaga, plejvendata matena ĵurnalo en Tehrano "HAMŜAHRI" (Samurbano) n-ro 964, (96-05-06), p. 16, oni aperigis tre pozitivan artikolon pri Esperanto sub la titolo "Internacia Lingvo". Jen estas ĝia resumo:

"En Kubo pliiĝas malamikeco kontraŭ Usono, kaj pro tio ankaŭ kontraŭ la angla lingvo. Tial subtena movado por instruado de Esperanto aktiviĝas. La lingvistoj kredas, ke la lernado de la angla estas malfacila kaj malesperiga pro senreguleco kaj la ekzisto de miloj da latinaj, grekaj, francaj terminoj, kaj diferencaj akcentoj kaj dialektoj, kiuj dividas ĝin al la usona, brita, hinda ktp. La lingvistoj en Kubo pensas, ke per aktiviĝo de la amantoj de Esperanto, eble en la proksima futuro, tiu ĉi lingvo estus insturata en la lernejoj de ne-okcidentaj landoj, kiel la dua lingvo."

## 4.2 en Koreio

### 4.2.1 La sidejo de Korea Esperanto-Asocio translokiĝis.

En la 17a de marto la direktoraro de KEA kunsidis kaj pridiskutis la translokiĝon de la centra oficejo de KEA al la centra parto de Seulo. La nova oficejo kun 100 m² da grandeco kostas 200 000 guldenojn. KEA havas ambicion konstrui propran domon. En la 13a de aprilo KEA inaŭguris la novan oficejon kun 70 esperantistoj. La nova oficejo ebligos grandan esperon.

*Korea Esperanto-Asocio/ Nagwondong 50-9, Chongnogu, SEOUL 110-320, Koreio*

*tel.: +82-2-741-1290~1. fakso: +82-2-741-1291*

*E-poŝto: keast@soback.kornet.nm.kr*

### 4.2.2 Novaj oficejoj de filioj de KEA

Korea Esperanto-Asocio havas 6 filiojn dise de la lando. Du el ili jam havas propran oficejon.

La filio Taejon-Chungnam jam de 1991 havas propran oficejon danke al mecenato LEE Okwon. La 3an de februaro la filio translokis sian oficejon en la centron de la urbo Taejon. La nova ejo kun 50 m² da grandeco kostas 50 000 guldenojn. Al la monsumo

kontribuis peljparte hereda donaco de LEE Okwon forpasinta en 1995 kaj ofermonoj de aliaj.

*Esperanto-Domo en Taejon/ Taehungdong 210 #2, Chunggu, TAEJON 301-010, Koreio*

*tel.: +82-42-252-3709. fakso: +82-42-257-2319*

Ankaŭ la filio Taegu-Kyongbuk inaŭguris sian novan oficejon en la 17a de marto. La urbo Taegu estas grava kaj signifoplena por la korea Esperanto-movado. Dum la 50aj kaj 60aj jaroj ĝi estis la centro de la Esperanto-movado. Laste la filio trovis bonan lokon en la urbocentro kaj kuraĝis translokiĝi tien. La nova oficejo kun 70 m²da grandeco kostas 50 000 guldenojn. La baza sumo estis delonge akumuliĝanta kaj la mankantan monon ŝtopis la oferoj de kelkaj esperantistoj.

*Esperanto-Domo en Taegu/ Hasodong 31-2, Chonggu, TAEGU 700-210, Koreio*

*tel.: +82-53-254-2845. fakso: +82-53-253-3414*

### *4.2.3 Simpozio pri Rilathistorio inter Japanio kaj Koreio*

La simpozio okazis en la 26-27-a de aprilo 1996 en Seulo kunlabore de Seula Klubo (Koreio) kaj Esperanto-Grupo por Komuna Lernolibro pri Historio (Japanio). Ĝi daŭris 12 horojn kun prelegoj.

Entute 32 (12 el Japanio kaj 20 el Koreio) partoprenis en la simpozio. La partoprenantaron konsistigis ĉiu aĝodekulo de la 20a ĝis la 80a. Inter ili estis du japaniaj koreoj kaj unu kanadano. Diversis la profesioj de la partoprenantoj: universitataj profesoroj, advokato, historiaj instruistoj, studentoj, dommastrinoj kaj oficistoj.

Kvankam nefakuloj, simpozianoj tre bone preparis siajn prelegojn. Post ĉiu dua prelego sekvis demandoj kaj respondoj, kiuj tre vigle alternis. Oni multe diskutis kaj interŝanĝis siajn sentojn kaj opiniojn, kio alportis al la simpozianoj pliajn interkompreniĝon kaj scion. Amikecplena etoso akompanis la tutan simpozion, kiu traktis precipe malagrablajn historiaĵojn okazintajn inter Japanio kaj Koreio. Aparte menciindas, ke Petre Chrdle kontribuis al la simpozio per la artikolo, kiu recenzis per la okuloj de eŭropano la verkon de KUBOI Norio, sur kiu baziĝis la simpoziaj temoj.

Jen estas la ĉefaj parolantoj: LEE Jungkee pri la insulo Tokto, TERAĴIMA Toŝio pri forta ligo de teritorio kaj naciismo, TAHIRA Masako pri sennaciisma penso, CHOI Yunhuy pri la influo al la japana kulturo pro invado kaj malvenko de TOJOTOMI Hidejoŝi en 1590-1598, KUBOTA Kunio pri neceso rigardi la historion laŭ la okuloj de ordinaraj homoj, Kim Yangsun pri sia sperto kaj suferoj de koreoj sub la japana regado, KIMURA Goroo pri la simileco de la historio inter Koreio kaj Japanio kun tiu inter Germanio kaj Pollando, LEE Oksun pri sia sperto kiel koreino en Japanio, KIM Uson pri la origino de la Korea Divido, HO Song pri diversaj diskriminacioj al aliŝtatanoj en Japanio kaj BAK

Giuan pri sia malbona impreso al Japanio.

*(Red. mallongigis raporton de CHOE Taesok kaj KIM Uson el Koreio, TERAĴIMA Tosio kaj YAMAMOTO Sintaro el Japanio)*

## 4.3 el Nepalo

### Mia dua vizito al Japanio kaj Koreio, el Nepalo

En 1994 mi estis membro de Azia Karavano, kaj povis partopreni en la 79a UK en Seulo. Post prelegvojaĝo en Koreio mi vizitis Japanion en aŭgusto. Tiam fakte mi vojaĝis tro multe, de Ŝimonoseki ĝis Hokkaido, kvankam mi ne havis ŝancon partopreni en la Japana Kongreso. Kiam mi atingis Nepalon post kelkaj monatoj, mi legis pri la 82a Japana Esperanto-Kongreso en gazeto. Mia intereso pri la kongreso grandiĝis, kaj mi ne povis kontroli mian deziron. Kvankam mi havis multajn malfacilaĵojn por vojaĝi al Japanio, ekzemple por havi liberan tempon en nia universitato kaj kolekti monon ktp. Fakte por nepalanoj vojaĝi al Japanio kostas terure multe.

Mi estas feliĉa, pro tio ke mi estis en Japanio. Mi transdonis varman saluton de geesperantistoj en Nepalo. Mi tre ĝojas, ke Nepalo estas ege fama lando en Japanio. Multaj geamikoj en Japanio jam vizitis Nepalon kaj aliaj multaj volas iam viziti. Mi aparte dankas al s-ro Riiĉi KARIBE, s-ro Nobu SABANAI kaj al s-ino TAKAGI Miĉiko, kiuj partoprenis en la Internacia Himalaja Renkontiĝo en Nepalo.

Kiam mi atingis la flughavenon Narita, esperantistinoj bonvenigis min kaj ni renovigis nian amikecon. Kiam mi alvenis la kongresejon en Jokohamo, mi sentis min ege feliĉa. Nuntempe mi sukcesis fortigi nian amikecon kune kun geesperantistoj japanaj kaj alilandaj.

Mi tre dankas al s-ro TAKEUTI Yosikazu kaj al d-ro SO Gilsu, kiuj diskutis sincere pri mia vojaĝo, ĉar ili scias pri nia malfacilaĵo.

Fakte mi havis ŝancon lerni pri multaj aferoj pri la japana kongreso. Oni laboras tre forte kaj daŭre por fortigi la Esperanto-movadon. Ĉiuj esperantistoj estis tre karaj kaj ĉarmaj. La loko estis tre pura kaj ĉiuj objektoj kaj programoj estis en ordo. Oni rigardis la tempon same valora kiel oron. Pro tio mi verkis unu poemon, kiun oni publikigis en japana loka ĵurnalo kaj kiun oni elsendis en Nacia Radio de Nepalo kun mia voĉo.

Dum la inaŭguro mi estis ege kontenta kaj en Amika Vespero mi havis ŝancon kanti nepalan kaj japanan kantojn. Mi ankaŭ raportis pri la agado en nia lando en "Azia Forumo".

Post la Japana Kongreso mi estis en Tokio dum unu semajno. Mi havis ŝancon viziti Japanan Esperanto-Instituton, Tokian Esperanto-Klubon ktp. Mi tre dankas al ges-roj Ooba kaj al s-ro Reza, kiuj helpis min dum mia restado. Mi lernis iom pri Diina Masaĝo. Tiam mi verkis unu poemon pri Ueno-Parko. Mi tre dankas ankaŭ al ges-roj Doi pro ilia

memorinda helpo.

Poste mi vojaĝis al Koreio kaj partoprenis en la 27a Korea Kongreso de Esperanto en Ikusan. Mi havas tre bonan impreson pri ĝia inaŭguro. Mi ne povas forgesi tiun tradician muzikon. Mi salutis al kongresanoj kaj aktive partoprenis en la kongreso. Mi parolis pri nia movado kaj problemo: Ni bezonas lernolibron, vortaron, kasedojn kaj ni atendas ankaŭ instruistojn de Esperanto. Se oni sendas al nia lando instruiston, ni estas pretaj manĝigi kaj loĝigi lin senpage ktp. Dum la interkona vespero mi kantis korean, japanan kaj nepalan kantojn. Ŝajnas al mi, ke korea kaj nepala kutimoj similas unu al la alia. Antaŭ la kongreso mi partoprenis en ekskurso. Mi tre dankas al f-ino Hortensio, kiu partoprenis en Internacia Himalaja Renkontiĝo. Mi ne povas forgesi helpon de Korea Esperanto-Asocio, d-ro SO Gilsu, s-ro HO Song kaj s-ino Salo.

Fakte mi lernis multe el japanoj kaj koreoj. Mi esperas, ke Japana Kongreso povos esti sama kiel Universala Kongreso post kelkaj jaroj. Mi ne komprenas, kial nomoj kaj adresoj de la kongresanoj estis en la japana kaj korea lingvoj. Mi petas, ke Japana Esperanto-Instituto kaj Korea Esperanto-Asocio bonvolu konsideri pri tio.

Fine mi dankas al tiuj, kiuj helpis min dum mia vojaĝo en Japanio kaj Koreio.

*Mukunda Pathik, la prezidanto de Nepala Esperanto-Asocio/*

*Campus of International Languages, Exhibition Road, Kathmandu, Nepalo*

## 4.4 en Ĉinio

### 4.4.1 Esperanto-movado en Shandong Provinco en 1995

En la jaro 1995, Esperanto-movado en Shandong Provinco en Ĉinio estas vigla kaj efika. En Shandong Universitato, Esperanto-kurso gvidata de Liu Xiaojun laŭ Cseh-metodo daŭre funkcias kiel antaŭe. Pli ol 10 gelernantoj lernas la lingvon kaj korespondas kun alilandanoj en Esperanto.

En la fino de septembro esperantistoj en Jinan, la ĉefurbo de la provinco, akceptis hungarajn geedzojn, kiuj gastis ĉe ĉina esperantisto.

De la 28a de septembro ĝis la 3a de oktobro okazis la 3a Ĉina Kongreso de Esperanto en Chongqing. 26 geesperantistoj el Shandong Provinco partoprenis en ĝi.

Dum la jaro esperantistoj en Shandong daŭre propagandadis Esperanton per diversaj manieroj. Okaze de la Nacia Festo de Ĉina Popola Respubliko, esperantistoj en Tengzhou iris sur la strato por disvastigi Esperanton. Ili dissendis per radio artikolojn pri Esperanto, disdonis propagandajn materialojn al pasantoj ktp. Multaj gejunuloj montris intereson kaj kelkaj volis lerni la lingvon.

En Zaozhuan, unu el la plej viglaj urboj je Esperanto, ĉi-jare Zaozhuan-a Esperanto-Asocio publikigis serion da Esperantaj poŝtkartoj prezentantajn belan pejzaĝon de Zaozhuan urbo. La asocio faris ankaŭ eksperimenton pri instruado de Esperanto en

mezlernejoj kaj sub la subteno de loka registaro, ilia scienca esploro pri lernado, propagando kaj disvastigo de Esperanto estis aprobita de loka komitato pri scienco.

La 17an de decembro, en Jinan, Shandong-a Esperanto-Asocio kaj Jinan-a Esperanto-Asocio kune okazigis kunvenon por la 136-a datreveno de L. L. Zamenhof. Pli ol 50 gesamideanoj ĉeestis en la kunveno. Liu Xiaojun montris "Esperanto en Azio" de KAEM kaj "Esperanto" de UEA kaj vokis esperantistojn subteni la organon per skribo, mono kaj ĉiaj rimedoj, Li montris ankaŭ "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio". Ĉiuj ĉeestantoj miris pri rapida evoluo de Esperanto en Azio kaj tre ĝojis pri tiuj sukcesoj.

En la venonta jaro, esperantistoj en Jinan planas funkciigi Esperanto-kurson.

*LIU Xiaojun*

*Shandong Daxue, Waiguoyuxueyuan, Jina, Shandong, CN-250100 Ĉinio*

### 4.4.2 Rapide disvolviĝas Esperanta Korespondado inter ĉinaj kaj alilandaj gejunuloj kaj geknaboj

Post la okazigo de Esperanto-kursoj fare de Esperanto-Asocio ĉe Ĉina Akademio de Sciencoj al junaj infanoj, lernejanoj kaj universitataj studentoj en Beijing, ĝojinde estas ke en mallonga tempo ni jam akiris rimarkindan, sufiĉe grandan progreson en kondukado de internacia korespondado per Esperanto inter junaj amikoj. Jen nia simpla statistiko:

Landoj, kun kiuj ni korespondas: Usono, Francio, Belgio, Rumanio, Pollando, Irano, Japanio, Britio, Uzbekio, Kubo, Hungario, Brazilo, Jugoslavio, Bulgario, Rusio, Finnlando, Ĉeĥio, Bjelorusio, Ukrainio kaj Kazakio.

Nombro de korespondantoj kaj korespondoj: Ekde la fino de aŭtuno 1995 ĝis la 20a de aprilo 1996, la korespondoj inter ĉinaj kaj alilandaj esperantaistoj nombriĝis je pli ol 220 hom-fojoj.

Koresponda enhavo: leteroj, fotoj, poŝtkartoj, mapoj de urboj loĝataj de korespondantoj, desegnaĵoj, novjaraj kartoj, poŝtmarkoj, "pog"(=ludio), moneroj, folioj kiel legosigno ktp.

Korespondaj temoj: memprezento, propra familio, ĉiutaga vivo, intereso kaj hobio, konciza konigo pri propra urbo, festaj moroj, lernado de Esperanto, invito pri vizito, deziro pri intervidiĝo.

Klopoda celo en proksima periodo: Dank' al korespondado, altigi intereson pri Esperanto kaj kapablon por apliki Esperanton, kaj atingi la celon de intervidiĝo. Esperante, ke hodiaŭaj junaj Esperanto-lernantoj, morgaŭaj sciencistoj, inĝenieroj, entreprenistoj, konstruontoj de popola respubliko scios Esperanton.

Kaj okazis la '96 Internacia Esperanto-Semajno por Gejunuloj kaj Geknaboj. Franca instruistino Marie France CONDE REY kaj ŝiaj 2 lernantinoj venis de Francio por tiu Semajno. Instruistoj kaj oficistoj de 101-a Mezlernejo subtenis la Someran Semajnon.

*Shen Chengru*

ĉe Ĉina Akademio de Sciencoj, 52 Sanlihe Road, CN-100864 Beijing, Ĉinio

## 4.5 en Rusio

Konsilio de Siberiaj Esperantistoj (KSE) estas la plej malnova seninterrompe funkcianta Esperanto-organizaĵo en la teritorio de eksa Sovetio. Ĝi fondiĝis en majo 1988. Azia parto de Rusio nomiĝas Siberio kaj okupas du trionojn de Rusio. Nordaj deklivoj de Kaŭkaza montaro apartenas al Azio, sed ne al Siberio. Ankaŭ triono de Kazaĥio (ĝiaj nord-orientaj teritorioj) apartenas al Siberio.

En la jaro 1995 en KSE estis 7 individuaj kaj 5 kolektivaj membroj (entute ĉ. 60 personoj). Tiu granda malkresko estas pro ĝenerala kriza situacio en Rusio.

Ruslanda Esperanto-Asocio mem malfondiĝis ankoraŭ en la jaro 1994. Kaj laŭsupoze en Rusia Esperantista Unio nun estas ne pli multaj membroj ol en KSE.

*Vladimir MININ*

*RU-634063, Rusio, Tomsk, P. O. Box 2000*

# 5. Okazos

### en Uzbekio

Aŭguste-septembre 1996 samarkandaj esperantistoj okazigos la internaciajn letervesperojn, dediĉitajn al la 660-jariĝo de nia mondfama kaj elstara antaŭulo Amir Timur (Tamerlan) (kies jubileo ĉi-jare estas mondskale celebrata kiel La Jaro de Amir Timur) kaj la 5-jara datreveno de la sendependiĝo de la Respubliko Uzbekistano. Tiutemaj materialoj (salutleteroj, reeĥoj, fotoj, nacilingvaj presaĵoj ktp) estas EGE BONVENAJ. La plej interesajn kontribuojn ni publikigos en nia nacilingva gazetaro, radio kaj televido. Al ĉiuj kontribuintoj ni sendos dankleteron kun bildkartoj pri antikvaj vidindaĵoj de Samarkando.

*Esperanto-Klubo/ pk 76, UZ-703000 Samarkando, Uzbekio.*

# 6. Informoj

## 6.1 en Chengde, Ĉinio

Chengde-a Esperanto-Asocio fondiĝis en 1991 kaj nun havas 56 membrojn. Cetere ekzistas junularaj organizoj en lernejoj.

En la urbo Esperanto-movado tre bone kombiniĝas kun ekonomia aktivado. Chengde-a Esperanto-Asocio entreprenas ekonomion, ne forgesante Esperanto-movadon;

vigle kondukas la Esperanto-instruadon, daŭrigante la movadon. Ili invitas alilandajn esperantistojn kaj funkciigas Esperanto-kurson en superaj lernejoj de la urbo.

La asocio administras restoracion kun balejoj kaj preskompanion. Ili intencas doni peticion por ke en la jaro 2003 okazu la 88a UK en la urbo Chengde.

SHANG Junyi estas la ĉefa laboranto, kiu havas sian kompanion, "Chengde Junyi-Esperanta Kompanio. Ĝi servas en informado, komerco, turismo, tradukado, komputerado, presado, manĝado, kaj amuzado. La kompanio invitas ĉiujn kiel honorajn gastojn al la urbo.

*SHANG Junyi*

*P. O. Kesto 88, CHENGDE, Hebei, CN-067000, Ĉinio*

## 6.2 en Pakistano

***6.2.1 adresaro de pakistanaj esperantistoj en PakEsA (Pakistana Esperanto-Asocio):***

Pakistana Esperanto-Asocio/ Lower Mall, Murre 47150, Pakistano

Muztar Abbasi (lingvo+religio, ĉefgvidanto)/ Lower Mall, Murre 47150

M. Siddeeque Cheema (edukado, prezidanto) NK-224, New Katarian, S-Town, Rawalpindi

Tariq Umar Ch (komerco, vicprezidanto)/ Mahboob Son's, Akbar Road, Multan

Shabber Sayyal (historio, konstruaĵoj)/ 223-Huma Block, A. 1. T, Lahore

Amjad Butt (asociaj aferoj, ĝenerala sekretario) Esperanto-Domo, Short Cut Road, Murree 47150

Abdul Munir (turismo, sekretario)/ Esperanto-Centro, Lower Mall Murree 47150

Jawad Butt (organo, redaktoro)/ B-1-821, Muhallah Islamia High School, Jhelum

Aneeqa Pehana (kun virinoj)/ 130-B, S-Town, Rawalpindi

Aysha Maqsood (virina agado), Garnish Public Schook, Qazafi Colony, Raheam Yarkhan

***6.2.2 aliaj informoj pri pakistana movado***

Universala Islama Esperanto-Asocio (UIEA) eldonas sian organon "Nobla Koraano". Oni povas ricevi ĝin por 2 irk (internacia respond-kupono) kaj la organon de PakEsA (Facila Esperanto) por 1 irk.

Ni instruas Esperanton 2-maniere: 21-taga regula kurso kaj 3-monata koresponda kurso.

*raportas Amjad Butt.*



# 7. Mi opinias

### Ĉu kamboĝo, aŭ Kampuĉio?

Laŭ la origina kmera lingvo, oni prononcas "Kampuĉie". "Kampu" signifas arbuston kaj "ĉie" signifas popolojn. Do, la vorto "Kampuĉie" signifas la popolojn de arbusto. Sed antaŭe, de la jaro 1863 ĝis 1953, Kampuĉio estis koloniigita de Francio, kiu prononcis maljuste. Francoj prononcis "Kambodz" kaj skribis france "Cambodge"; kaj poste, alilandanoj sekvas francan prononcon.

Do, mi deziras, ke ĉiuj esperantistoj voku mian landon per "Kampuĉio", ĉar ĝi estas la plej justa prononco al la kmera lingvo, kiu estas oficiala lingvo de kampuĉianoj. (red.: ĉu ne kampuĉoj?)

*Sok Sam nang*

*Phnom Penh Universitato, Kampuĉio (Kamboĝo)*

# 8. Leteroj de legantoj

### 8.1 el Germanio

Mi ricevadas la bultenon "Esperanto en Azio" kaj estas daŭre danka pro tiu ĉi tre interesa informilo.

Mi volas atentigi vin pri la fakto, ke ankaŭ la Akademio de Esperanto ne neglektas Azion. Ok el niaj nuntempe 44 membroj vivas en aziaj landoj:

en Japanio tri (s-roj KONIŜI Gaku, GOTOO Hitosi, YAMASAKI Seikô),

en Ĉinio du (s-roj Li Shijun, Xie Yŭming),

en Hindio unu (s-ro Probal Dashgupto)

en azia Ruslando (urbo Novosibirsk) unu (s-ro Prokrovskij),

en Israelo unu (s-ro Amri Wandel)

La adresoj troveblas en la jarlibro de UEA. Kiel ĉiuj membroj de la Akademio, ankaŭ niaj aziaj kolegoj estas alparoleblaj pro la lingvaj demanoj, kiuj interesas la parolantojn de Esperanto.

*Werner Bormann*

*Schärstr. 26 D-21031 Hamburg, Germanio*

### 8.2 el Sichuan, Ĉinio, 1996-03-17

Estas tre ĝoje, ke mi ricevis la bultenon EeA (n-ro 23). Tuj mi tralegis ĝin dufoje. La bulteno alportas al mi la varmon kiel la printempa suno.

Kiam mi legis la finpaĝon de tiu ĉi numero, mi estas emociita de via spirito

sinforgesa. Sendube vi havas ĉiutage multajn proprajn mastraĵojn kaj laborojn, kaj tamen vi kontribuis vian energion kaj tempon tajpi ĝin por nia movado. Pro tio mi sincere esprimas al vi mian koran dankemon.

La fame konata ĉina literaturisto Lusin iam diris: "Mi vidis kelkajn esperantistojn, kiuj estas super la hipokritaj egoistoj". Certe viaj agadoj kuraĝigas ĉiujn esperantistojn marŝi antaŭen.

*CAI Shouzhi*

*Yihuan Lu Bei Yiduan, Qingyang Qu Wuzi Ju, Chengdu Sichuan, CN-610031 Ĉinio*

*8.3 el Samarkando, Uzbekio, 1996-03-18*

Saluton el 2525-jara Samarkando!

Kun ĝojo mi ricevis la 23an numeron de "Esperanto en Azio", kiun mi tralegis unuspire ĝis la fino kaj kiel kutime mi trovis plurajn interesajn kaj utilajn informojn. Tamen pleje interesis min via artikolo "Kiel eldoniĝas EeA kaj kiel vi ricevas ĝin?", kiu malkovris al ni, legantoj, la fortostreĉan procedon de naskiĝo de ĉiu numero de "EeA", kies preparo, eldono kaj posta enpoŝtigo simple ne estus ebla sen la vere sindona bonfara laborado de la redaktantoj kaj viaj afablaj helpantoj kaj subtenantoj. Vere vi meritas plenkorajn dankojn por via fervora kaj valora servado al la movado.

*Anatoli IONESOV*

*Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro, UZ-703000 SAMARKANDO, pk 76, Uzbekio*

*8.4 el Guangzhou, Ĉinio, 1996-03-19*

Kun granda ĝojo mi ricevis mian unuan numeron (n-ro 23) de "Esperanto en Azio", en kiu mi unua-foje informiĝis, ke mia peto pri UEA-membreco estas jam akceptita. Multan dankon! La bulteno vidigis al mi, ke nia verda movado fakte ĝojinde evoluas en multaj aziaj landoj, kiuj, laŭ mia antaŭa supozo, estas "dezerto".

Mi estas multe kortuŝita, eksciinte, kiel tiu ĉi malgranda sed utila bulteno eldoniĝas per la diligenta laborado de nur kelkaj individuoj. Al via sindonema laboro por la Espernato-movado mi esprimas mian plej sinceran admiron, kaj al via sukceso elkoran gratulon.

Mi dankas ankaŭ pro la aliĝilo de la 1-a Azia Kongreso. Tre verŝajne mi mem ne povos aliĝi. Tamen mi tre volonte akceptos samideanojn, precipe junajn, kiuj intencas ekskursi al mia hejmurbo Guangzhou, antaŭ, dum, aŭ post la kongreso.

*JIAN Weijian (Ĝjen Ŭejĝjen)*

*Tong fu zhong Lu, Shi ba mu heng 4 Hao, Guangzhou, CN-510240 Ĉinio*

*8.5 el Soĉo, Rusio, 1996-03-24*

Bonorde mi ricevis vian "Esperanto en Azio" kun nia artikolo. Koran dankon! Ni

esperas akiri per ĝi novajn kontaktojn kun aziaj samideanoj.

*Esperanto-Klubo "LARO"*

*poŝtkesto 913, SU-354000 Soĉi, tel.: +7-862-99 72 281/*

*retadreso: vladimir @ bespalov. black. sochi. su*

### 8.6 el Phnom Penh, Kamboĝo, 1996-04-05

Mia nomo estas Sok Samnang. Mi havas 34 jarojn. Mi estas kampuĉa esperantisto. Antaŭ 1993, mi estis profesoro de la vjetnama lingvo. Post tio ĝis nun mi estas profesoro de la angla lingvo en Phnom Penh Universitato.

En 1995, mi du-foje proponis al mia vicrektoro por havi Esperanto-kurson en la universitato, sed li ne permesis. Mi volis instrui Esperanton al miaj kolegoj sed ili diris, ke ili ne havas tempon. Plue, mi havis nur unu lernolibron "Saluton". Al mi mankis libroj kaj sperto instrui Esperanton. Do, mi nur memlernis.

Nun, post reveno de Japanio, kelkaj miaj amikoj proponas min instrui ilin pri Esperanto, sed mi estas okupata. Mi intencas traduki la libron "Ĉu vi parolas Esperante?" de Andrzej Pettyn al la kmera lingvo. La libron mi aĉetis en Japana Esperanto-Instituto. Mi instruos miajn amikojn. Mi ankaŭ intencas fari la novan vortaron "Esperanto-Kmera" kaj "Kmera-Esperanto", kaj tradukos kelkajn librojn al la kmera, sed mi timas, ke mi ne havas monon por eldoni ilin.

Se vi volas viziti Kampuĉion, bonvolu kontakti min aŭ s-ron Chhim Sokha kaj resti ĉi-tie iomete longe por ke mi kolektu lernantojn kunveni kaj kunlerni Esperanton.

*Sok Samnam/ Phnom Penh Universitato, Kamboĝo*

### 8.7 el Kwangju, Koreio, 1996-04-25

Ĉiufoje ricevinte la bultenon "Esperanto en Azio", mi povis ekscii freŝdatan novaĵon, ke multaj gvidantoj nun penege laboras en malfacilaj cirkonstancoj sur multaj anguloj de nia kontinento. Tio donas unue ĝojan esperon por nia movado, kaj aliflanke instigon por plia laboro al ni.

Dank' al la bulteno, ne nur mi, sed ankaŭ Kwangju-aj geesperantistoj povis scii diversajn pecojn de azia movado kaj viajn nepriskribeblajn penegajn laborojn. Kwangju-aj gesamideanoj bone konscias la gravecon de la azia movado kaj la bulteno kun viaj laboroj, ĉar ili daŭre informas pri aziaj movadoj.

En la pasinta monato, kiam mi ĵus ricevis la 23an numeron, tiam niaj gesamideanoj interparolis pri azia movado en la kunsido, metante tiun bultenon. Ĉiuj sincere interŝanĝis diversajn opiniojn kaj decidis kunhelpon, doni mondonacon. Kvankam komence ĝi estas malgranda kaj ankaŭ ni estas ne riĉaj, ĉiuj esperis daŭran intereson kaj helpon.

Unue mi sendas 51,000 ŭonojn per 60 irk (internaciaj respondkuponoj), komisiite de Kwangju-aj gesamideanoj (prezidanto: Kim Guangĉe). Fakte mi ne scias, kiamaniere

sendi estas pli bone por via monŝanĝo.

Esperante pli riĉan movadon en nia kontinento, en la nomo de Kwangju-aj gesamideanoj mi sendas ĝisrevidon.

*SIN Gjong-sik*

*P. O. Kesto 130, Kwangju 501-600, Koreio, tel.: +82-62-675-1812*

- (red. Dankon pro la mondonaco. Ni povis facile ŝanĝi la kuponojn al mono sen malprofito. Sed estus pli bone kolekti monon en Koreio kaj sendi al UEA je la nomo de Azia Agado. Tiel pli multaj koreaj samideanoj povus kontribui al nia movado en Azio.)

# 9. *Ricevitaj organoj*

*9.1 "IREJO-Bulteno"*

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo; n-ro 13 (februaro-marto 1996); A-5; 16-paĝa, n-ro 14 (aprilo-majo 1996); A-5; 12-paĝa, n-ro 15 (junio-julio 1966); A-5; 16-paĝa

*adr.: P.O. Kesto 17765-184, Tehrano, Irano*

*tel.: +98-21-4506503; fakso: +98-21-363232; E-poŝto: karimi @eco. atu.ac.ir*

*9.2 "FENESTRO"*

dulingva dumonata novaĵletero de Federacio Esperanto de Bharato (FEB); januaro-februaro 1996; A-5; 8-paĝa

*redaktanto: P.V. Ranganayakulu/ P.O. Box 12, TIRUPATI North. Andhra Pradesh 517 507, Bharato (Hindio)*

*tel.: +91-8574-24342. fakso:+91-8574-25211*

*9.3 "ESPERANTO EN SINGAPURO"*

La bulteno de la Esperanto-Asocio (Singapuro); n-ro 49 (januaro 1996), n-ro 50 (februaro 1996), n-ro 51 (marto 1996), 52 (majo 1996); A-5; 8-paĝa

*nova adreso de la asocio: Tanglin P.O. Box 663, SINGAPORE 912423*

*9.4 "Verda Mesaĝo el Vjetnamio"*

Interna bulteno de Vjetnama Esperanto-Asocio; n-ro 2 (februaro 1996); A-4; 12-paĝa

*Vjetnama Esperanto-Asocio/ 105A, Str., Quan Thanh, HANOI, Vjetnamio*

*tel.: +84-4-8454 547. fakso: +84-4-8432 756*

*9.5 "Facila Esperanto"*

Monata Oficiala Organo de Pakistana Esperanto-Asocio; n-ro 21 (januaro 1996), kaj n-ro 22 (februaro 1996); A-5; 8-paĝa

*Al-Markaz, Al-Markaz Road, Jhelum-49600, Pakistano*

*tel.: +92-541-622253. fakso: +92-541-621444 kaj +92-541-620455*

*9.6* ***"Verda Reto 1996"***

listo de ĉinaj esperantistoj aktivaj kaj kontaktemaj, 60 paĝoj

136 esperantistoj kaj 20 Esperantaj asocioj aŭ revuoj en 73 lokoj. Kompilis Liu Xiaozhe, ekonomie subtenis Pakistana Esperanto-Asocio kaj Krumqi Kuntian Komerca Kompanio

*Liu Xiaozhe/ 32 North Youhao Road, Urumqi 830000, Ĉinio*

*tel.: +86-991-2868373. fakso: +86-991-4841216-219*

## 10. Kontribuoj

Post la raporto en n-ro 23, jenaj 34 personoj kontribuis por la azia movado sume 113,200 enojn.

AIDA Jajoi, AIKAŬA Secuko, Anonimulo, HATAJAMA Nisaburoo, HOTTA Hirohiko, HUZITA Takeo, INUMARU Fumio, IŬAI Masahisa, JAZAKI Jooko, KAGAMI Akio, KITAGAŬA Ŝooĵi, KOGA Ŝiroo, KONIŜI Ĉijo, KUROJANAGI Joŝitaka, Kwangjua Filio de Korea Esperanto-Asocio, Hylco MIEDEMA, MIJAMOTO Seiko, Mijazaki Esperanto-Societo, NAKACU Masanori, NAKAMURA Isao, NIŬA Masahisa, OBARA Hideo, OŇDA Hiromasa, OOCUKA Jasuŝi, OOZATO Joŝizumi, SAIKI Masajuki, SAKAMOTO Jumijo, SANPEI Keiko, SAŬAJA Juuiĉi, TAKEZAKI Mucuko, TANAKA Joŝino, TANIGUĈI Teruo, TOJODA Motoki, UENO Kacuhiro, ŬADA Midori.



***•Parolas la redaktantoj:*** Ni ricevis multajn leterojn pri nia artikolo en la lasta numero rilate al la redakta kaj eldona laboroj de ĉi tiu bulteno. Oni laŭdis nin tro multe, kaj pro tio ni sentas ian embarasiĝon, ĉar ni scias, ke la letersendintoj mem multe laboras por Esperanto, eĉ pli multe ol ni en malfacilaj situacioj. DOI Ĉieko laboras en Japana Esperanto-Instituo de la lasta majo, kaj pro manko de tempo la bulteno emas malfruiĝi. Pardonon! (1996-0818)